# BEL informas

Brazila Esperanto-Ligo
psviana@terra.com.br

Redaktas: Paulo Sergio Viana, Marto n-ro 3/2009

## PASSINI AGAS ĈE UNIVERSITATO, EN NORDORIENTO

La Prezidanto de Brazila Esperanto-Ligo, José Passini, estas senlaca batalanto por nia afero. Okaze de la karnavalaj tagoj, en la pasinta februaro, li vojaĝis al la urbo Campina Grande / PB, por prelego kaj partopreno en tiea agado ĉe la Universitato, favore al Esperanto. Interesan filmon pri lia tiea vizito estas spektebla per la jena adreso: http://www.youtube.com/watch?v=AWEtTmlxVA&NR=1. Post kelkaj tagoj la Prezidanto flugis al Brasília por renkonto kun la reprezentanto de Senatano Cristóvão Buarque, kiu favoras nian movadon. Lia persona ĉeesto en la sidejo de la Ligo akcelis plurajn laborojn, inkluzive de la apero de unu plia numero de nia atendata revuo "Brazila Esperantisto".

## PERNAMBUCO AKTIVAS!

Spiritisma Federacio en Pernambuco entuziasme informas, ke nova kurso de Esperanto komenciĝis je la 7-a de marto 2009. La institucio proponas tiajn senpagajn, plurnivelajn kursojn jam de 20 jaroj, ĉe sia sidejo: Av. João de Barros 1629, Espinheiro, Recife.

## ESPERANTO EN LINGVOLERNEJOJ, EN TAUBATÉ

Pro iniciato de la registaro, en la urbo Taubaté / SP, privataj lernejoj de lingvoj ricevos apogon. Kadre de tiu programo, "Centro Cultural Brasil-Estados Unidos" proponis kurson de Esperanto , ĉe sia sidejo, Str. Quatro de março 477. Tiu lernejo inkluzivos Esperanton flanke de la angla, hispana, franca, germana kaj itala lingvoj. La unua leciono programiĝis por la 13-a de marto 2009. Taubaté Esperanto-Klubo alvokas gesamideanojn en la regiono por helpo en tiea instruado. (Informis Alcyr Guedes)

## ESPERANTO SUR MULTAJ STRATOJ EN PIRACICABA

Nia aktivulo en Charqueada / SP, Luiz Guilherme Jardim, sendas al ni interesan ĵurnalan raporton pri inaŭguro de "Placo Bialistok" en la najbara granda urbo Piracicaba, en decembro 2008. La tuta raporto favore informas pri Esperanto. Laŭ informoj, en Piracicaba ekzistas jam kvin placoj kaj stratoj kun nomoj aludaj al Esperanto – ĉu temas pri rekordo? Pliajn informojn petu de Guilherme Jardim: guilherme@winart.com.br .

## CARAGUATATUBA INVITAS VIN!

Karagŭatatuba Esperanto-Grupo havas novan Estraron, kaj invitas vin turismi kaj Esperantumi en bela marborda urbo. Kontaktu la Prezidanton: Prof-o Flávio M. Oliveira (plimalpli@yahoo.com.br) aŭ la Vicprezidanton Mônica Cristina Furquim C. Silva (nikinhafurquim@homail.com ). (Informis Maurício Monken)

**"Zamenhof - Mondcivitano"**

**Filmo de Djalma Pessata, baldaŭ ankaŭ en E-versio.**

### PASSINI NA UNIVERSIDADE, EM CAMPINA GRANDE

O Presidente da Liga Brasileira de Esperanto passou os dias de Carnaval na cidade de Campina Grande, em contato com a Universidade local, para palestra e divulgação do Esperanto. Veja o video:

http://www.youtube.com/watch?v=AWEtTmlxVA&NR=1.

Em seguida, viajou a Brasília, para despachar com a Secretaria. O Presidente está preocupado em atualizar a periodicidade da revista "Brazila Esperantisto".

### PERNAMBUCO TRABALHA!

Novos cursos de Esperanto, em vários níveis, no: Federação Espírita de Pernambudo, Av. João de Barros 1629, Recife. Início em 7 de março.

### ESCOLAS DE IDIOMAS ENSINA-RÃO ESPERANTO EM TAUBATÉ

Com apoio da Prefeitura, Taubaté inicia programa de ensino de Esperanto em escolas particulares de idiomas. A primeira será o "Centro Cultural Brasil-Estados Unidos", que já oferece cursos de vários outros idiomas. Início em 13 de março. (Informou Alcyr Guedes)

### PIRACICABA: RECORDE EM LOGRADOUROS?

Segundo informação de Guilherme Jardim, a cidade paulista tem cinco logradouros com denominações referentes ao Esperanto. A última inauguração foi da "Praça Bialistok", em dezembro último.

(guilherme@winart.com.br)

### CARAGUATATUBA CONVIDA!

O Grupo de Esperanto local tem nova diretoria e convida os samideanos ao aprazível balneário. Presidente Flávio Oliveira: plimalpli@yahoo.com.br . Vice: Mônica Cristina F. C. Silva: nikinhafurquim@homail.com .

(Informou Maurício Monken)

**"Zamenhof - Mondcivitano"**

Brazila Esperanto-Ligo
psviana@terra.com.br

Redaktas: Paulo Sergio Viana, Martro n-ro 3/2009

## KURSO POR E-INTRUISTOJ EN BARRA MANSA/RJ

"Nia Espero Esperanto-Grupo" invitas al grava iniciato: Kurso por Instruantoj de Esperanto, kiu komenciĝos je la 28-a de marto 2009, ĉe Str. S. Sebastião 105, sala 1153, Edifício Garagem. La programo inkluzivas prelegojn pri "Interpersonaj rilatoj", "Metodoj kaj Tekniko por Instruado", "Aplikado de Lecionplano" kaj "Instruado laŭ la metodoj Jair Salles kaj Aloísio Sartorato. Enskribiĝu per esperanto.neeg@hotmail.com aŭ per la telefonnumero (24) 88268555 (Sílvio). Apogas Asocio Esperantista de Rio de Janeiro.

## UNU PLIA "SUBĈIELA LECIONO" EN LORENA

Dek homoj el tri urboj (Lorena, Guaratinguetá kaj Taubaté) partoprenis unu plian "Subĉielan Lecionon" je la 7-a de marto 2009. La evento okazis ĉe "Bieneto de Floroj", en la urbo Lorena. Tie oni ekspozicias kaj vendas florojn kaj aliajn ornamplantojn en bela, verda regiono, tiel ke vizito fariĝas agrabla promeno. Meze inter arboj kaj lagetoj, oni legis kaj tradukis tekston pri la bieneto mem kaj pri nomoj de floroj. Sekvis amuza, vigla konversacio pri tiu temo. Oni krome ĝuis la pejzaĝon, fotis kaj aĉetis plantojn. Ĉi tiu "Subĉiela Leciono" estas parto de serio komencita pasintjare: iniciate de Lorena Esperanto-Klubo, oni invitas gesamideanojn en la regiono viziti vidindajn lokojn por samtempe turismi, lerni kaj praktiki Esperanton - kaj laŭeble propagandi nian movadon.

## NOVA METODO DE ESPERANTO

Nova esperanta instrumetodo - Esperanto por lernejaj klasoj- de Josias Ferreira Barboza, disponeblas ĉe BEL-Libroservo ekde mardo. La metodo plenumas la rekomendon de Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj (ILEI) kaj Internacia Esperanto-Instituto (IEI) pri instruado de Esperanto per cellingvaj lerniloj, tutmonda tendenco, kaj agordiĝas kun la rekomendo de Konsilio de Eŭropo en sia Komuna Eŭropa Referenckadro (KER) por lingvolernado, instruado kaj pritaksado, kiu celas unuecigi la mezuradon de lingvokapablo. Esperanto por Lernejaj Klasoj konsistas el bunte ilustrita libro (1 kaj 2) kun ekzercaro kaj KD. Krome, la instruisto havas gvidlibron kaj helpan tekon, kun preseblaj murbildoj kaj murfrazaro, flankaj tekstoj kaj ekzercaroj. La KD enhavas la ĉefajn enkondukajn tekstojn de la lecionoj, kiuj estas rol-ludataj de Esperantistaj "aktoroj". La gvidlibro de la instruisto havas en ĉiuj paĝoj flankan kaj suban marĝenojn, kun notoj kaj sugestoj pri plej efika maniero enkonduki aŭ gvidi tiun aŭ sekvontan instruunuon aŭ paroligilojn. Fakte, laŭ tiu ĉi soci-funkcia metodologio la instruisto ne "instruas", sed "reĝisoras" la grupan lernadon. La helpa teko senpage preneblas kaj povas esti libere modifita de la instruisto laŭ ŝiaj/liaj bezonoj, kaj facile kajerigeblas. Lanĉo-prezoj (ĝis la 31-a de marto inkluzivas la sendokoston): R$ 50,00 (porlernanta kajero) kaj R$ 50,00 (gvidlibro). 25%-a rabato por acheto de minimume tri samaj aŭ malsamaj ekzempleroj. Pago per depono en la konto de BEL ĉe Banco do Brasil: -Agentejo 0452-9 -Konto 402.706-X. Pliaj informoj: <bel-libroservo@esperanto.org.br> - Telefono: (061) 3226-1298.

### CURSO PARA INSTRUTORES DE ESPERANTO

"Nia Espero Esperanto-Grupo" convida para o evento, em 28/3/2009, em Barra Mansa / RJ, à R. S. Sebastião 105, s. 1153. O programa inclui relações interpessoais, metodologia e técnica de ensino, plano de aula e métodos Jair Salles e Aloísio Sartorato. Apoio Associação Esperantista do Rio de Janeiro.

### MAIS UMA "AULA AO AR LIVRE" EM LORENA

A já tradicional iniciativa do "Lorena Esperanto-Klubo" aconteceu desta vez em 7/3/2009, na "Fazendinha das Flores", naquela cidade. Participaram Esperantistas de Lorena, Guaratinguetá e Taubaté, em ambiente de muito verde e plantas ornamentais. A aula versou sobre o local e nomes de flores, com divertida conversação. A iniciativa visa a diversão, aprendizado e prática do Esperanto e, quando possível, divulgação do movimento.

### NOVO MÉTODO DE ESPERANTO

Esperanto para ensino em sala de aula é o novo método do Prof. Josias F. Barbosa, construído segundo as normas da Liga Internacional de Professores de Esperanto. Ricamente ilustrado, em dois volumes, além de CD e volume de orientação ao professor, o método segue as normas do Conselho Europeu para o ensino de idiomas. O CD inclui textos introdutórios e dramatização das aulas, de modo a facilitar a ação do aluno; o professor, como sugerem os modernos métodos de ensino, não "ensina", mas "orienta" o estudo em grupo. Uma pasta com material auxiliar acompanha o conjunto. Preço de lançamento, em março: 50 reais para os livros do aluno, 50 reais para o livro do professor. 25% de desconto para encomendas de 3 exemplares.

Pagamentos à CC 402706-X Banco do Brasil, Ag. 0452-9 – Serviço de Livraria da Liga Brasileira de Esperanto. Tel.; (061)3226-1298.

Estamos em março!
Já renovou sua adesão à Liga?

Estas jam marto!
Ĉu vi jam remembriĝis al BEL?